**La amo** estas granda kaj enhaveblas en tiu fenestro antaŭ la maro. La amo estas granda kaj enhaveblas en tiu lito kaj sur la matraco por amori. La amo estas granda kaj enhaveblas en la mallonga spaco por kisi." (Carlos Drummond de Andrade) ● "La amo estos soifo post kiam ĝi estos tute trinkita." (Guimarães Rosa). ● "Ne esti amata estas iu simpla malbonŝanco. La vera malfeliĉo estas ne scii ami." (Albert Camus). ● "Necesas ami la homoj kvazaŭ ne estus la morgaŭo, ĉar se vi haltos por pensi vere ne estas. (Renato Russo) ● "La amo estas la flugilo kiun Dio donis al la homo por flugi ĝis Li." (Roger Patrón Lujan)

**La vorto *semajno*** devenas de la latina *septmana*, tio estas, *sep matenoj*. Tia tempodaŭro rilatas al tiu kiun la Luno bezonas por ŝanĝi sian fazon.

**Kino-reĝisoro Daniel Filho**, en intervjuo al la semajngazeto IstoÉ, kritikis i.a. la fakton, ke niaj dramserioj havas tro multe da fikciuloj, kio malebligas al eventualaj spektantoj akompani la intrigon. 'Antaŭe', li diris, 'la dramserioj estis pli concizaj, kaj unu el la aferoj kiun mi faris kiel reĝisoro estis establi, ke en ĉiuj ĉapitroj oni devas *lazi* tiun kiu estas rigardanta tion unuafoje. Estis iu leĝo de la dramserio. Tiu troa nombro da roluloj eble ŝuldiĝas al la fakto, ke ili estas tro longaj. Ne estas facile fari 220 ĉapitrojn kun unuhora daŭro.'



**En *Caminho das Índias*** (*Vojo al Hindioj*), de Glória Perez, miljaraj tradicioj kiuj nuntempe nur postvivas en la plej foraj regionoj en la lando estas alportataj al la urba medio kvazaŭ ili estus aktualaj kaj apartenantaj al la ĉiutageco. Geedziĝoj inter baratanoj kaj eksterlandanoj, ordinara afero en la moderna Barato, estas prezentata kiel io neakceptata de la socio; la situacio de la *dalits*, tio estas, de la parioj, ne plu estas tiel diskriminacia tia kian la dramserio prezentas.

**En la 60aj jaroj,** *Notícias Populares* (*Popularaj Novaĵoj*) estis iu san-paŭla taggazeto fama pro sia skandalema redaktlinio, kun tre atentokaptaj ĉeftitoloj. Unu el ili, kiu famiĝis en la epoko, rilatiĝis al Roberto Carlos, kiu feriis en Novjorko. Lia entreprenisto ne sukcesis trovi lin iutage. La ĵurnalo en la sekvanta tago prezentis unuapaĝe la jenan ĉeftitolon: 'Desapareceu Roberto Carlos' ('Malaperis Roberto Carlos')



**Elcenteco da homoj** kun interreto kiuj aliras al sociaj retoj (2008): Kanado - 86,5%, Brazilo - 85,3 5%, Britio - 78,4%, Meksikio - 73%, Hispanio - 70,7%.

**Studo farita** de State of Blogsphere indikas la ekziston de 140 miliono da blogoj en la tuta mondo - 140 mil novaj blogoj estas kreataj po tago! La lingvoj plej uzataj estas la japana kaj la mandarena. "Nome Próprio" (Propra Nomo), brazila filmo de 2008, eble estis la unua en la mondo kiu havis bloganton, en la kazo blogantinon kiel protagonistinon, interpretitan de la aktorino Leandra Leal.



**TV Supren** (portugallingve/ anglalingve) estas iu interreta TV-kanalo sub la respondeco de Planeda Unio, iu NRO kun sidejo en Braziljo, kies celo estas stimuli la vekiĝon al iu nova planeda konscienco. Aparte interesas al E-istoj la fakto, ke ĝi apogas la diskonigadon de Esperanto pere de la programero *Esperanto - Idioma para Todos* (*Esperanto - Idiomo por Ĉiuj*) - vidu la programtabelon: www.tvsupren.com.br.

**En 1970** estis 6 mil paroj da pingvenoj en Antarkto. Nuntempe nur restas la duono. Pro la tutmonda varmigo, ili suferas la riskon pri estingado pro tio, ke ili bezonas la glacitavolon por nutriĝi kaj helpi je la disvolviĝo de la idoj. Kontraŭe al aliaj birdoj de la regiono, la pingvenoj jam demonstraciis, ke ili estas malrapidaj laŭ adapteco.



**La ĉefpunktoj** en la portugala havas la jenan etimologian devenon: *norte* devenas el la angla *north*, 'maldekstra flanko', ĉar la ĝermanoj havis kiel punkton pri orientiĝo la orienton, en kiu la suno 'naskiĝas'; *sul* devenas el la antikva angla *suth*, siavice el la ĝermana *sunthaz*, la 'flanko de la suno', tio estas, la suda hemisfero, kien la suno inkliniĝas tagmeze; *leste* devenas el la franca *l'est*, ĉi tiu el la angla *east*, siavice el la hindeŭropa *aus* (*brilo*) - Kp. kun la esperanta *aŭro*; *oeste* devenas el la angla *west*, el la radiko de *vespertino* (E-a *vespera*), rilata al Venuso, la unua 'stelo' aperanta en la ĉielo okaze de la... vesperiĝo.



**Leonardo da Vinci**, en la 15-a jc. eltrovis, ke estas la sango kaj ne la aero kiu igas la penison erektiĝi laŭ oni kredis en la Antikveco.

**La finno Toimi Soini**, en 1964, sukcesis la mondan rekordon pri restado sen dormo – ankoraŭ aktuala. Li pasigis 276 horojn (11 tagojn kaj duonon) vekiĝanta. La heroaĵo ne plu estas diskonigata en la libro Guinness, kiu eksigis la kategorion ĝuste por ne stimuli la malbonfartecon inter kandidatoj.

# jes ja!_01

**Porto Alegre, majo/ junio 2009**



# Boruska, la rusa knabo kiu venis el Marso

**+ *Caminho das Índias* | Kunfratiĝa Tagmanĝo de GEA | Pensoj pri amo | Kie troviĝis la kadavro? | "Malaperis Roberto Carlos" | Pasko: papa bondeziro ankaŭ en E-o**

**Jes Ja! – 1-a jarkolekto – N-ro 1**
**Majo/junio 2009 – Porto Alegre, RS, Brazilo**
**Redaktas César Dorneles Soares**
**dorneles@ymail.com**

**Boris Kipriyanovich,** aŭ simple Boriska, estas 13jara rusa knabo loĝanta em Zhirinovsk, en la regiono de Volvogrado, Rusio. Li fariĝis la plej mondkonata ekzemplo de la t.n. infanoj *indigoj* , tio estas, iu nova generacio de homoj kiuj estus enkarniĝantaj en la Teron kun granda inteligenta kapablo kaj multfoje altevoluiĝintaj laŭ moralo kaj konoj. Ekde sia infaneco, Boriska asertas, ke li venis el Marso, kies surfaca civilizo estis detruita de iu nuklea milito. Li memoras pri sia vivo en la menciita planedo kaj eĉ rakontas pri siaj vojaĝoj al la Tero pere de spacoŝipoj. Ĉi tie li atestis la detruon de la lemuria civilizo, kiu same malaperis, antaŭ 70 mil jaroj. 'Mi memoras, mi vidis' – li respondas al la homoj kiam ili demandas kiel li scias pri tio. Pri la estonteco, li antaŭvidas, ke grandaj konoj estos malkovritaj kiam la homoj sukcesos malfermi la Sfingon. Laŭ li 'estas iu mekanismo por malfermi ĝin ie malantaŭ unu el la oreloj'. Li ankaŭ antaŭvidas grandajn proksimajn naturajn katastrofojn – unu jam en 2009 kaj alia, pli serioza, en 2013 – kaŭzotajn de aliiĝoj en la magnetaj polusoj de la planedo. En Jutubo troviĝas 1hora intervjuo kun li.

**Estos novaj tempoj,** en kiuj triumfos la spirito, post 2040. (Jeane Dixon, fama usona klarvidemulino).

**Oni akompanu** la disvolviĝon de iu pensmaniero favora al la reciklado de ĉio. En dancejo de San-Francisko, drinkaĵoj venas en recikleblaj glasoj faritaj el maizo. En Tel-Avivo, la elektro de iu dancejo estas generata tie mem. En roterdama dancejo, la planko farita el lampoj LED transformas pere de risortoj kaj elektronikaj rimedoj la dancmovojn en energion.

**En lernejo de Xiushan,** en Ĉinio, oni staris tabelon pri punmonoj por la lernantoj kiuj atencas kontraŭ kelkaj normoj de la institucio. Ekz. se oni kverelas, la lernanto estas punita kontraŭ 10 juanoj (3,5 realoj) kaj li/ŝi devas balai la lernejkorton dum unu monato. Estas monpuno de 1 juano por tiuj kiuj ne faras sian hejmtaskon.

**La hispana** estas la dua lingvo plej parolata en la mondo, kun 441 milionoj da *hablantes*. Ĝi estas oficiala lingvo en 18 landoj (+ 3 kiel kun-oficiala). Laŭ donitaĵoj de 2005, 11 milionoj da homoj lernas ĝin en la mondo. En Brazilo, unu miliono, kaj la tendenco estas la kresko de tia nombro pro tio, ke gi fariĝis deviga lernoobjekto en la lernejoj.




**En la mondo,** en 1 sekundo, naskiĝas 4 homoj, 2 homoj mortas, 1/2 hektaro da arbaro estas faligita, 1 aŭtomobilo fabrikpretiĝas, 3 komputiloj estas venditaj, 2 homoj konektiĝas unuafoje al interreto. (Revista da Semana)

**En 131 a.K.** ekaperis io kio estas konsiderata la antaŭaĵo de la gazetaro tia kia oni konas ĝin hodiaŭe: la Acta Diurna, kiu simple temis pri iu ŝtono, eksponata antaŭ la roma Senatejo, sur kiu estis detale priskribitaj la lastaj okazaĵoj, kun temoj de ĝenerala intereso de la enloĝantaro.



**Pergajni la vivon** kiel instruisto ne estis facile jam en la antikva Romo. En la epoko de la imperiestro Aŭgusto, estis necese havi minimume 15 lernantojn por gajni la ekvivalentan salajron al tiu de iu mulin-kondukisto. Ne estis lernejoj, la instruistoj luis klasĉambrojn aŭ instruis ĉe libera aero.

**Ekde nun** la frekventantoj de la plaĝoj de Benidorm, en la hispana *Costa Blanca*, devos atenti al serio da novaj reguloj determinitaj de la urbodomo i.a. ne konstrui kastelojn el sablo, ne pisi en la maro kaj ne drinki bieron en la plaĝo.

**Iom da humoro:** du italoj en iu senhoma insulo: post duonhoro ili ekkverelas. Du usonanoj en iu senhoma insulo: ili denuncas unu al la alia pri invado de privata propraĵo. Du angloj en iu senhoma insulo: post du jaroj ili ankoraŭ ne interparolis ĉar neniu prezentis unu al la alia.



**Post la trovo** de mortigito en dormoĉambro en vilaĝeto kiu estas parte belga, parte nederlanda, fakaj termezuristoj estis venigitaj el la du landoj por eviti procedurajn erarojn fare de la police: okazas, ke la landlimo ofte pasas tra privataj domoj (!!!) kaj la kadavro 'unuavide kuŝis duone en Belgio, duone en Nederlando', informis la revuo. Post tritaga ekzameno de la problemo, oni science pruvis, ke la kadavro kuŝas en nederlanda teritorio. (Monato, 10/08)

**Iom da poezio:** Ne, ne - ankoraŭ io devas veni. /Ankoraŭ devas fajri vera tago, / ankoraŭ devas nigri vera nokto -/ ne povas ja de grizo ĉio pleni./ Ĉu vere nur por nin al tombo treni,/ ĉu vere nur por morti ni naskiĝis?/ Ĉu tio do la viv'? Ne, ne! Neeble!/ Ankoraŭ devas, devas io veni!/ (Kurzens, latva poeto)

**En 2007, en Brazilo,** ĉirkaŭ 70 mil homoj finis superan kurson cele al la laborado kiel instruistoj. La nombro estas 4,5% plimalgranda ol tiu de 2006 kaj 9,3% plimalgranda ol tiu de 2005. Por Maria Malavasi, kunordigantino de la Fakultato pri Edukado de UNICAMP, la 'manko de prestiĝo', de 'socia respekto' kaj la 'malaltaj salajroj' klarigas la kreskantan senintereson pri la kariero ĉe instruado.

**La 4an de aprilo** GEA-Gaŭĉa E-Asocio aranĝis Kunfratiĝan Tagmezon en la sidejo de UGAPOCI – Gaŭĉa Unio de Civilaj Policistoj en kiu partoprenis kelkdeke da asocianoj kaj aliuloj. La ĉefplado estis la tradicia *carreteiro* (rizo kun muelita viando). Post la tagmanĝo, GEA-prezidanto Marcelo Stoduto kunordigis kunvenon por pritrakti pri la aktivecoj de la Asocio en 2009. Oni difinis la realigon ĉijare de plus unu eldono de la Gaŭĉa Renkontiĝo de Esperanto, kiu okazos en novembro samperiode de la Libro-Foiro de Porto Alegre, samkiel la kontinuadon en la realigo de kunfratiĝaj tagmanĝoj. Speciala atento oni donos al la afero pri E-informado.



**Studgrupo de Esperanto,** de Spiritista Societo Boa Nova, en Torres, RS, aranĝas ekde aprilo bazan kurson sub la kursgvidado de Fábio Fernandes Pereira.

**Www.mihaelo.zip.net** estas la retejo de nia samideano Miguel Boeira Vianna.

**Verda Kafo,** la plej tradicia E-aranĝo en Rio Grande do Sul, atendas vin por iu neformala babilado en E-o ĉiam en la lasta sabato de la monato, je 16h, en Tutty's – drinkejo-restoracio ĉe Av. Independência, 30, fronte al Santa Casa de Misericórdia.

**Okaze de la tradicia mesaĝo** pri la Pasko, ĉijare je la 12/04, dimanĉe, papo Benedikto la 16-a adresis bondezirojn en 63 lingvoj inkluzive en Esperanto. Pli granda nombro da E-istoj fariĝis ĉeestantaj inter ili multaj diverslandaj gejunuloj kiuj estis venintaj al Italio por partopreno en la IJF en la regiono de Abruco (kiu fine ne realiĝis pro la tertrema katastrofo). Novaĵprogramero de RAI-3 dufoje aperigis bildon en kiu la paneloj kun la vorto E-S-P-E-R-A-N-T-O aperis.



> www.ikue.org

**www.ipernity.com/home/cesar.dorneles**